La legitimilo havas la jenan tekston:

| |
|---|
| *BALOTLEGITIMILO*<br>por la jaro ...... No. ...<br>kaj<br>*KVITANCO*<br>pri sv. fr. 0.50, pagita kiel kulturimposto<br>de s-r(in)o ................................<br>por la Centra Kaso de la Movado.<br>oficiala stampo de la societo, organizajo, grupo — subskribo de la kasisto de I. C. K. |

Tia legitimilo servas ankaŭ por la kontrolo. Ĉe la enkonduko balotrajton havas ĉiu, kiu pagis sian kulturimposton kaj montras sian Balotlegitimilon ĉe la urno de voĉdonoj, kontrolataj de la komisiitoj de la kandidatoj. En la pluaj okazoj de la balotado balotrajton havas ĉiu, kiu pagis sian kulturimposton por la lastaj tri jaroj (ĉu po sv. fr. 0,50, ĉu en unu sumo sv. fr. 1.50) *ĝis la balottago*. La balotonto pruvas tion per sia(j) Balotlegitimilo(j). La komisiitoj por la voĉdonado kontrolas tion laŭ la listo de la venditaj Balotlegitimiloj, kiu entenas la nomon de ĉiu legitimilposedanto.

Plie I. C. K. en konsento kun K. R. fiksas la nombron de la deputitoj por la parlamenta kongreso. Laŭ la stato de la movado ĝi ne povas esti malpli ol *35* kaj ĝi ne povas superi la *55*. La balotado estas laŭlanda (ne laŭorganizaĵa). Ĉiu lando rajtas sendi tiom da deputitoj, kiom dependas de la nombro de la «Balotlegitimiloj», venditaj ĝis la balottago sed almenaŭ *unu* deputiton devas havi ĉiu lando.

La balotado estas sekreta. Ĉiu legitimilposedanto ricevas la liston de la kandidatoj kaj koverton por forstreki la nedezirata jn nomojn, meti la liston en la koverton kaj ĵeti ĝin en la urnon de la voĉdonoj. *Izolitaj membroj voĉdonas en duobla koverto*. La ekstera koverto surhavas la nomon kaj adreson de la legitimilposedanto, la interna koverto fermita enhavas la voĉdonon mem. La komisiitoj de la voĉdonado kontrolas laŭ la listo de la Balotlegitimiloj la rajtecon de la sendinto, malfermas la eksteran koverton kaj ĵetas la koverton de la voĉdono en la urnon.

Por neizolitaj membroj la balotado okazas en la grupoj, la izolitaj membroj sendas siajn voĉdonojn al la landa centro.

Post la ĝenerala balotado I. C. K. kunvokas la elektitajn deputitojn al ĉiu lando al la Parlamenta Kongreso kaj pagas la minimumajn

vojaĝ- kaj vivkostojn al ĉiu deputito. La deputito rajtas rifuzi la akcepton de tiu sumo kaj rezigni pri ĝi por la Centra Kaso de la Movado.

*Kiu povas esti deputito de la Parlamento Kongreso?* Oficiala listo, oficiala kandidado ne ekzistas. Ĉiu esperantisto povas esti kandidato, se li sukcesis akiri 50 validajn subskribojn de legitimilposedantoj por la rekomendo. *Sammaniere en ĉiu lando ĉiu internacia organizaĵo* (UEA. IKVE. Laboristaj Organizaĵoj k. a.) *povas starigi siajn kandidatojn, se la necesa minimumo ne mankas por la rekomendo.* Tiamaniere ĝeneraliĝos la movado.

Elektita deputito estas tiu, kiu ricevis la plej multajn voĉojn. Li estos alvokita de I. C. K. al la Parlamenta Kongreso. Sur la balotlistoj devas esti nomataj ankaŭ anstataŭaj delegitoj, kiuj laŭvice anstataŭas la elektiton okaze de malhelpo por li. La deputitoj estas elektitaj por tri jaroj. Ilia devo estas partopreni en la P. Kongreso, konstante havi kontakton al la reprezentantoj de I. C. K. en la naciaj societoj, interpelacii ĉe I. C. K. mem pro gravaj aferoj, transpreni aŭ fari proponojn *ktp. Ĉiu deputito povas havi nur unu mandaton.* Kandidato, elektita en pli da landoj por la deputiteco, nepre devas rezigni pri mandatoj, t. e. akcepti nur unu el siaj mandatoj, kaj transdoni la aliajn al la anstataŭantoj.

Por eviti miskomprenon mi rimarkas, ke tiel ĉe la balotado kiel ĉe la kandidado estas plena egalrajteco inter la seksoj.

*Kion ni atendas de la unua Parlamenta Kongreso?* Sub la prezido de la plej aĝa deputito oni elektas la estraron de la kongreso: unu prezidanton, du vic-prezidantojn, du aŭ tri notariojn. Poste la elektita prezidanto transprenas kun siaj estraranoj la honorajn postenojn.

I. C. K. prezentas sian raporton, petas kontrolon pri la kaso kaj abdikante petas absolvon de la Parlamenta Kongreso.

Formiĝas laŭ elekto la Kandida Komitato, kiu prezentas sian oficialan liston, eventuale ankaŭ tiun de la opozicia partio, al la Kongreso por la elektado de la membroj de I. C. K., deklarante, ke membro de I. C. K. povas esti nur rajtigita deputito. La nova I. C. K. estas elektita por tri jaroj, sed ĝiaj membroj estas reelekteblaj.

La nova I. C. K. okupas sian lokon sur la estrado, prezentas sian programon aŭ petas ĝian kompletigon transdonante ĝin al debato de la deputitoj.

La deputitoj konscience pristudinte la programon kaj la proponojn klopodas komune fari la trijaran definitivan programon por I. C. K. kaj konsentas pri la buĝetoj de la fakestroj de I. C. K.

Estas nepre necese, ke la nova I. C. K. havu multe pli da rajtoj

kaj pli da libereco por la agado ol la nuna, sed estas dizirinde, ke ĝi havu ankaŭ respondecon ne nur moralan, sed ankaŭ juran.

Gravaj rimarkoj: 1) Oficistoj de I. C. K. ne povas havi alian rajton en la kongreso ol doni informojn, escepte se ili estas elektitaj deputitoj samtempe. 2) La celo de la kongreso estas evoluigi la movadon sur *kulturbazo*, konsiderante internajn problemojn, komunajn interesojn de la Esperantistaro kaj tial ĝi ne povas okupi sin pri politikaj, religiaj, klasbatalaj kaj lingvaj demandoj. 3) Proponoj, prezentotaj al la kongreso, devas esti senditaj almenaŭ *du* monatojn antaŭ la kongreso pere de la landa deputito al la oficejo de I. C. K., kiu ĝustatempe zorgas pri ilia konatigo al la deputitoj ĉu per la oficiala organo, ĉu per konfidenciaj cirkuleroj. 4) Interpelacioj, farotaj dum la kongreso, estu antaŭnotitaj, por ke la koncernaj fakestroj povu kontentige respondi. 5) En la Parlamenta Kongreso havas *parol-* kaj *voĉdonrajton* nur la elektitaj deputitoj. Aliaj esperantistoj devas esti konsiderataj kiel gastoj aŭ simpla publiko, nehavantaj rajton embarasi la kunsidojn per elmontro de siaj preferoj. En tia kazo la prezidanto havas la rajton forigi la publikon el la kongresa ĉambrego. 6) Ĉiu deputito havas nur unu voĉon ĉe la parlamentaj voĉdonoj. 7) Dum la kongreso salutparoladon povas fari nur la Prezidanto de la Kongreso, oficiala reprezentanto de la kongresa urbo kaj oficialaj ŝtataj reprezentantoj.

La Parlamenta Kongreso havas ne nur propon-, sed ankaŭ decidrajton kaj tial I. C. K. devas esti konsiderata *parte* kiel ĝia plenuma komitato. Dum ĝiaj kunsidoj la prezidanto de la Kongreso havas la solan rajton por gvidado laŭ la reformita Kongresa Regularo. En tiu regularo estas necese redakti novajn paragrafojn por certigi disciplinon, objektivan pritraktadon kaj evitigi aŭ puni la ofendan sintenadon de la nedisciplinitaj deputitoj.

La Parlamenta Kongreso okazas *en ĉiu tria jaro* kaj pro tio la eventualaj kunvenoj de deputitoj, referantoj kaj de I. C. K. mem dum la ĉiujara Internacia Semajno Esperantista (Universala Kongreso de Esperanto) havas nenian oficialan signifon. Eksterordinaran Parlamentan Kongreson povas kunvoki I. C. K. *nur en la nepra neceseco*, ĉar la kostoj de tia 5—10 taga Kongreso grave danĝerigas la ekvilibron de la Centra Kaso. La 30% de la delegitoj rajtas postuli aranĝon de skriba referendo se ili konstatas, ke ia kongresa decido estas de la I. C. K. kontraŭagata, aŭ se oni devas urĝe decidi pri grava, nedecidita afero.

En tiu okazo I. C. K. devas aranĝi la referendon 30 tagojn post la alveno de la postulo.

Oficiala organo de I. C. K. estas «ESPERANTO» de U. E. A.

Kompreneble en la nova organizo K. R. de la Naciaj Societoj

ĉesas ekzisti, ĉar ilian rolon pli efike povas plenumi la 4 referantoj de I. C.K. kaj la elektita(j) deputito(j) en ĉiu landa societo kaj internacia organizaĵo.

La centra oficejo de I. C. K. laŭfake dividas kaj sendas la alvenintan oficialajn aktojn al la fakestroj. Ĉiu I. C. K-ano ricevas certan honorarion por sia laboro.

Ĉiujare — almenaŭ dufoje — la membroj de I. C. K., loĝantaj diversloke kunvenas por pritrakti kaj kontroli komune siajn laborojn kaj raporti pri ĉio al la Prezidanto.

En okazo de malhelpoj (malsano, morto) la Prezidanto elektas anstataŭanton por la koncerna fako el la *referantoj*. Se mem la Prezidanto estus trafita de tia malfeliĉo, la Fakestroj elektas el inter si la novan Prezidanton, kiu gvidas la aferojn ĝis la proksima Parlamenta Kongreso kaj elektas anstataŭanton por sia antaŭa fako.

Resume mi indikas ĉi sube la dezirojn kaj bezonojn de la Esperantistaro :

1) plenan reorganizadon laŭ principoj, kiuj ebligas racian kaj demokratian disvolviĝon de ĉiuj moralaj fortoj, troviĝantaj en la movado,

2) centran gvidadon por la ĝenerala movado,

3) organizan kapitalon en la Centra Kaso de la Movado por akceli la plenumadon de la akceptita programo kaj por subteni la kulturbezonojn kaj aspirojn,

4) Parlamentan Kongreson kun respondeca I. C. K.,

5) propagandon, sisteme faratan por la ekstermovadaj medioj kaj por la interna solidiĝo kaj grandskala evoluo,

6) aranĝon de Internacia Semajno Esperantista (Universala Kongreso de Esperanto) kun aparta regularo,

7) starigon de Ekzamenaj Komitatoj en ĉiu lando kaj dum la Internacia Semajno Esperantista laŭ unuecaj plano kaj regularo,

8) oficialigon de ĉiu grava organizaĵo, celanta la ĝeneralan internacian kulturevoluon de la movado, tamen por ne malhelpi ĉiu tia organizaĵo havu certagradan aŭtonomion,

9) fondadon de kulturinstitucioj, subtenon de ĝenerale utilaj kulturentreprenoj,

10) movadon, kiu estu konsiderata de ĉiu kulturhomo ne kiel kuriozaĵo, sed kiel absolute necesa vivelemento por la socia evoluo.

La nova organizado donas grandan laboron al la Esperantistaro. Ne pensu, ke ĝi ne havas la necesan forton por plenumado de la novaj taskoj. En la nova organizo ĉiu ambiciulo havos eblecon montri

siajn kapablojn. La interna solidiĝo produktos efektivajn valorojn, kiuj pli alloge efikos ol la nuna brua propagando.

Por ne miskompreni min pri la centra gvidado, mi rimarkas, ke eĉ en la nova organizo ĉiu esperantisto havas sian menstarecon por siaj privataj celoj per Esperanto aŭ por Esperanto, sed lia sukceso formos nur la *pluson* al la minimume plenumenda laboro de I. C. K. kaj al ĝiaj sukcesoj.»

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Ankaŭ la projektinto parolas pri *imposto de eldonistoj* kaj koncentrigo de kotizojn por U. E. A., abonoj por «Esperanto», oficiala organo de I. C. K., por «Heroldo de Esperanto» kaj «Literatura Mondo»; kaj faras kalkulon por la tri jaroj, kiel resumadon pri la financa parto de la proponoj, kiu vidigas la realon kaj efikon de la plano laŭ jeno:

«*Enspezoj*:

| | |
|---|---|
| Balotlegitimiloj ........................ sv. fr. | 150.000 |
| «Obolo de Zamenhof»........................ | 65.000 |
| 1%-a imposto de eldonistoj........................ | 18.000 |
| Int. Semajno Esperantista........................ | 8.000 |
| Sume sv. fr. ........... | 241.000 |

*Elspezoj*:

| | |
|---|---|
| I. C. K. (salajroj, honorarioj, administro) sv. fr. | 75.000 |
| Balotado kaj Parlamenta Kongreso............ | 25.000 |
| Sume sv. fr. ........... | 100.000 |

Por la plenumado de la programo por la diversaj fakoj restas *sv. fr. 141.000*. Kompreneble el tiu ĉi sumo oni devas apartigi sumon por «rezerv-kapitalo». Mi ne alkalkulis la atendeblan altiĝon de enspezoj, okazontan per la interna plifortiĝo, nek la eventualajn subvenciojn, mondonacojn, kiujn ĉiu bone organizita movado havas de tempo al tempo, kaj kiujn ankaŭ nia movado certe havos en la momento, kiam ĝi vere fariĝos kulturfaktoro en la socio.

Sincera amo al nia afero kaj objektiva prijuĝo pri la stato de la movado diktis al mi la suprajn liniojn. Mia celo estas nek seniluziigi, nek ofendi personojn, nek detrui la efektivajn valorojn, sed sole envortigi la dezirojn de tiuj, kiuj kun mi vole nevole vidas en la nuna situacio danĝeran internan krizon. Mi scias, ke miaj proponoj

ne estas perfekte detaligitaj kaj ke ili ne estas 100%-e perfektaj, sed mia celo estis: fari kelkajn sugestojn por averti la Esperantistaron kaj ĝiajn gvidantojn pri aspiroj kaj bezonoj de tiuj esperantistoj, aktivaj samcelanoj, kies voĉo restis ĝis nun vane avertanta, vane krianta en la dezerto de la indiferenteco. Mi plenumis mian taskon laŭ mia plej bona volo kaj nun venu la statistikistoj, administraj kaj organizaj talentoj, kompetentaj gvidantoj de la movado, ĉar estas ilia vico por paroli, serioze pritrakti kaj prilabori la sugestojn, la proponojn kaj krei tian bazon por la movado, kiu certigas ĝian estontecon. Kompletigu la proponojn, faru ilin 100%-e akcepteblaj, sugestu seriozan programon, modifu la modifendan, kompensu la kompensendan kaj eĉ unu minuton ne pensu, ke miaj vortoj skizis nerealigeblan utopion.

Per la reorganizado ni atingos duoblan celon, kies esencon karakterizos la devizo: *Per Esperanto por la Socio kaj Kulturo*. Mi estas konvinkita, ke ne ekzistas esperantisto, kiu estus malamiko de tia tendenco. Povas ekzisti diferencoj sole inter la gvidprincipoj, kondukantaj al la sama celo: *al la ĝenerala progreso*. Ĝuste pro tio mi turnas min per «Publika Letero» al ĉiu samcelano, ke per reciproka interŝango de ideoj kaj konkretaj proponoj estu preparata la vojo al la komuna laboro por pli grandskala disvolviĝo kaj racia eluzo de nia propra forto. Mi deklaras, ke tiu *intence* kaj *malprave* miskomprenas min, kiu serĉas motivojn de malsimpatio aŭ persona antagonismo en mia memorando.

Por konstrui venu ĉiu konscia kaj laborema samcelano, sed silentu tiuj, kiuj ne povas doni ion valoran krom la rigida rifuza kritiko, ĉar per tio ili ne savos, ne helpos la dronantan movadon, ili nur kriadante statistos ĉe ĝia sensignifiĝo kaj subŝlimiĝo.»

* * *

# Grava sukceso de H. E. A.

La Ministro de Publika Instruado, Moŝto S-ro Marcelino Domingo, la 22an de oktobro ĵus pasinta, sin turnis al S-ro Julio Mangada, nia provizora Prezidanto, per letero diranta:

«Kara amiko: Estas ĝoje al mi, ke vi sciu mian ĵusan decidon, per kiu mi asignis al Hispana Esperanto Asocio la sumon da 5.000 pesetojn pro la deziroj de vi esprimitaj.»

Jen, do, firmega paŝo al nia triumfo, ĉar la hispana horizonto al Esperanto pli kaj pli rozkoloriĝas dank' al nia laboro, el kiu ankoraŭ ni multe esperas.

* * *

## HECHOS INTERESANTES

En la distribución de premios de la Escuela Especial de Trabajos Aeronáuticos, bajo la presidencia de M. Caquot, director general técnico en el Ministerio del Aire, y con la delegación oficial del ministro de este ramo, con la asistencia de M. Labbé, director general de la Enseñanza técnica, y con la del coronel Garin, de la casa militar del Presidente de la República, M. A. Odier pronunció un interesantísimo discurso, del que extraemos lo siguiente:

«...Todos estos viajes han conducido muy frecuentemente a los alumnos al extranjero, máxime si conocen o saben el inglés estricto que se aprende en el colegio. He tomado sobre mí la tarea de facilitar todo esto enseñando el Esperanto a los alumnos: todos lo leen fácilmente, la mayoría lo escribe sin falta, y muchos lo hablan con facilidad, y en poco tiempo... La aviación habrá ganado algo cuando todos los mecánicos, todos los *stewards* y todos los agentes de las Compañías, en todos los aeródromos del mundo, hayan empleado algunas horas para aprender el Esperanto. Y eso sería aún más útil y práctico para todos los técnicos.»

El 21 de septiembre último, el cabildo municipal de Lyon, bajo la presidencia de M. E. Herriot, aprobó por unanimidad una proposición presentada por M. Clavel, de dicho cabildo, que dice:

«Considerando que la obra de pacificación y de aproximación de los pueblos vendrá a ser imposible en tanto que los pueblos no se puedan expresar más que por sus lenguas nacionales, el Consejo municipal de la villa de Lyon (Francia) emite su voto en pro de la declaración obligatoria de la enseñanza del Esperanto en todas las escuelas públicas y privadas del mundo entero.»

De «La Movado» (Francia).

## LITERATURO

### LA ROZO DE ALTENBERG

La poezio de la gotikaj katedraloj ne estas nur ĉe ilia arkitektura beleco, sed ĉefe ĉe la fido kaj entuziasmo, kiuj estis instigilo al ilia konstruo. Ne estis la nobeloj la konstruintoj, ĉi tiuj estis la popoloj; la popoloj samtempe simpla kaj malsimpla, donis siajn plej altajn valorojn kaj trafis vivigi la gotikan stilon, kiu, spite de sia difino «barbara», reprezentas la plej delikatan formon de la religia idealo.

Meze de arbaro, ĉe ĉarma valo de l' Dhün, staras la antikva kaj

mirinda abatejo de Altenberg, kies gotika preĝejo estas kvazaŭ kopiitaĵo de la katedralo de Köln (Kolonio).

La altaj kaj graciaj arboj, grupigite kaj ĉirkaŭante la malnovan abatejon, rigardas malestime la kolonojn de la preĝejo, kaj kiam la vento pasas tra iliaj branĉaroj, oni aŭdas strangaĵojn. Iuj murmuras al la aliaj kaj certigas, ke la gotikaj katedraloj prenis inspiron el ili, ĉar ili, la arboj, ne studinte, formas arkaĵojn, teksas volvaĵojn, grupiĝas laŭ kolonoj kaj kolonetoj, formas rozegojn, kiuj, vundite de la sunradioj, diskunmetas la lumon laŭ koloroj de l' ĉielarkaĵo.

Nu! Kion faris la homo? Imiti nian kreitaĵon! Sed la antaŭuloj estis ni. Tiel la arboj diras sin reciproke, eĉ la delikataj arbetoj, aŭdinte ion el la arbosusuro, avidas kreskadi, ĉiam alten!, por aŭskulti tion, kion diras la maljunaj arboj kiam ili kunigas siajn foliplenajn branĉarojn kaj la vento siblas tra ĉi tiuj.

Estas bela legendo pri ĉj abatejo de Altenberg, miriganta tradicio. Kion signifas tiuj blanka kaj ruĝa rozoj ĉizitaj el ligno, kiuj aperas sur la granda altaro? Ili memorigas okazintaĵon kaj ankaŭ avertas ĉiujn kiuj pretendas plibonigi sian sorton deflankigante en similulon la malbonaĵojn destinitajn al ili.

Iam grave malsaniĝis monaĥo en la abatejo: la malsanon oni konstatis mortigonta nepre, kaj la monaĥo ekagoniis, sed la agonio fariĝis longedaŭra kaj terura turmento al la malsanulo dum kvin tagoj, pro kio la monaĥaro kunvenis en la ĥorejo por preĝi petante al Dio finon de la kvazaŭ martirigo de l' malsanulo.

Io eksterordinara okazis tiam. De la seĝo de l' ĥorejo, sur kiu ĉiam dum preĝadoj sidadis la malsanulo, naskiĝis blanka rozo. De post tri tagoj de la flornaskiĝo, la monaĥo mortis; kaj de tiam, ĉiam tri tagoj antaŭ morto de monaĥo same okazis dum jarcentoj.

Ausgarus, la plej juna el la monaĥoj, antaŭ ne multe veninte al la abatejo, ridadis kiam li aŭdis pri la historio de la blanka rozo, konsiderante la aferon sensignifa, ĉar li konsciis sufiĉe je la eknaskiĝo de la floro, aŭ de la seĝfloriĝo, tuj sin prepari por la morto, kaj dume li obstine laborege daŭrigadis ĉu desegnante ornamaĵojn sur pergameno, ĉu enprofundiĝante en la legadon de malnova manuskripto aŭ libro. Por li ne estis gravaj la eksterteraj avertoj, ĉar nur ravis lin realigo de liaj projektoj bolantaj ĉe lia cerbo, fini la multenombrajn komencitajn de li verkojn aŭ planitajn de li.

Nokton, Ausgarus eniris la preĝejon por preĝi lastan preĝon de la tago: la malheleco de la preĝejo, la silento kaj malvarmeta aero ĝiaj malpezigis lian cerbon, kaj li sentis grandan ĝojon preĝi kaj mediti en tiu delikata ambiento. Kial la homoj baraktas fari la mondon infero, kiam laboradi kaj ami similulon gvidas al la feliĉeco?

La vivo estas bela kaj aminda per si mem... Kaj denove Ausgarus enprofundiĝis en maron da projektoj; li pensis pri tio, kion li faris kaj faros; sed subite li paliĝis: kio estas tio sur lia seĝo? Je la pala lumo de lampo li vidis sian seĝon blanke floriĝinta, kaj malvarma ŝvito glitas sur lia frunto; li volas paŝi, sed li ne povas: la malfeliĉe avertanta blanka rozo jen sur lia seĝo, anoncante lian baldaŭan morton, frakasonte tuj lian tutan laboron. Kial morti, li tiel juna kaj plenviva? Kial ne floriĝis la seĝo de la maljuna monaĥo Francisko, kiu jam nenion povas fari kaj vere devigas la monaĥaron havi atenton kaj zorgon al li? Proksime de la seĝo de Francisko estas la *augarusa* seĝo, kaj Augarus, ŝanceliĝante, per tremanta mano, demetas la blankan rozon de sur sia seĝo por ĝin almeti en tiun de Francisko; sed jam la rozo ne estas blanka, ĝi estas ruĝa, kiel la sanga makulo de Kaeno sur la frunto.

Francisko mortis de post tri tagoj de la okazintaĵo; sed ankaŭ, je la sama tago mortis Ausgarus sed lia seĝo ne blankfloriĝis, kiel jam de tiam neniu alia seĝo de la ĥorejo de Altenberg.

Ĉu vi opinias, ke ĉi tiun historion inventis iu? Sur la granda altaro de Altenberg oni povas vidi la blankan kaj ruĝan rozojn, kiujn ne metis tie la kaprico de iu artisto.

Manuela GALLARDO GOMEZ

* * *

## NUNTEMPAĴO

Muzo, estu tute plene favora  
al humila ideala la bardo,  
por ke elokventa estu kun ardo  
lia kanto de la sento tre kora:  
Benon, grandan ŝancon al trikolora  
respublika nia sankta standardo,  
de l' tutmonda la homam' avarigardo  
al progreso kaj feliĉo tre glora.  
Mi min sentas ideale fervora,  
mi min sentas kaptita de l' hardo;  
de l' okuloj miaj fulmas rigardo  
al la temp' tuj venonta kaj ora;  
ne plu malfeliĉ' aŭ tempo dolora;  
ni esperu ne de l' vana hazardo,  
kiel mortvundito de sur brankardo;  
sed de l' ago ĉiutage labora!

Julio MANGADA ROSENORN

Madrid, Aprilo 1931.

# BETIKO

(*Fragmento el* AVENTUROJ DE TELEMAKO, *el Fenelon*).

II

Ŝajnas ke Astreco, kiu retiriĝis en ĉielon, estas ankoraŭ ĉi-malsupre, kaŝinta inter tiuj homoj. Ne estas necese juĝistoj ĉe ili, ĉar ilia propra konscienco juĝas ilin. Ĉiuj bienoj estas komunaj al ili: la arbaj fruktoj, la legomoj, la lakto de l' ŝafaroj estas tiel sufiĉegaj riĉaĵoj, ke popoloj tiel sobraj kaj moderaj ne bezonas disdoni inter ili. Ĉia familio vaganta tra tiu bela lando, kunportas siajn tendojn de loko al loko, kiam ĝi estas konsuminta la fruktojn kaj el ĉerpinta la paŝtojn de l' loko kie ĝi loĝis antaŭe. Tiamaniere unuj ne havas interesojn subtenotaj kontraŭ aliaj, kaj ili sin amas frate kun amo neestingebla. Forigo de vanaj riĉaĵoj kaj de trompigaj plezuroj konservas al ili tiun pacon, unuiĝon kaj liberecon; ĉiuj estas liberaj kaj ĉiuj egalaj.

Ĉe ili oni ne vidas alian distingon ol tiu, kiu venas de l' eksperto de l' maljunaj saĝuloj, aŭ de l' eksterordinara saĝeco de iuj junulòj, kiuj egalas al maljunuloj plej virtaj. Trompigo, perforto, ĵurrompo, procesoj, militoj neniam aŭdigas sian kruelaa haladzan voĉon en tiu lando amata de la dioj; neniam la homa sango ruĝigis tiun teron, eĉ tiu de la ŝafoj preskaŭ ne fluas. Kiam oni parolas al tiuj popoloj pri sangoverŝigaj bataloj, pri rapidaj almilitoj, pri ŝtataj revolucioj, kiujn oni vidas en aliaj nacioj, ili ne povas eviti miregon kaj ekkrii: «Kiel! Ĉu la homoj ne estas sufiĉe morteblaj, eĉ ne mortigante antaŭtempe unuj la aliajn? La vivo estas tiel mallonga kaj ŝajnas ke ili aljuĝas longa! Ĉu ili estas sur la tero por detrui kaj malfeliĉigi sin reciproke?»

Aliparte, tiuj betikaj popoloj ne povas kompreni ke oni miru tiome la almilitantojn submetantaj la grandajn imperiojn: Kia frenezaĵo!—ili diras—feliĉiĝi per regado super aliaj homoj, kies regado tiel multe laciĝas se oni volas regi prave kaj juste! Sed, kial senti plezuron kiam oni regas spite ilia volo? Ĉio kion saĝa homo povas fari estas regi obeeman popolon, kies regadon ĝiaj dioj konfidis al li, popolon kiu petis al li esti kiel patro aŭ protektanto, sed regi popolojn kontraŭ ilia volo estas iĝi tre malamiñda por havi la falsan honoron sklavigi ilin. Almilitanto estas homo, kiun la dioj, koleriĝintaj kontraŭ la homaro, donis al la tero por ruinigi reĝlandojn kaj plivastigi dise la teruron, la malesperon, la mizeron kaj fari tiom da sklavoj kiom liberaj homoj estas. Ĉu homo serĉante la gloron ne trovas sufiĉan per saĝa regado de tio kion la dioj metis sub liaj ordonoj? Ĉu li kredas ke li nur meritos laŭdojn se li estas maljusta, perforta, malhumila, uzurpa kaj tirana super ĉiuj siaj najbaroj? Estas necese sanĝi kun la

milito nur por defendi la liberecon. Feliĉa tiu, kiu ne estas sklavo nek ambicias sklavigi aliulon! Tiuj grandaj almilitantoj, kiujn oni priskribas al ni tiel glore, similas superakvantajn riverojn, kiuj ŝajnas majestaj, sed ruinigas la fruktodonajn kampetojn, kiujn ili devus nur surverŝi.»

Post kiam Adoam estis tiel pentrinta Betikon, Telemako, ĉarmata, faris al li iajn kuriozajn demandojn: Ĉu tiuj popoloj trinkas vinon?

Ili ne bezonas malpermesi tion, ĉar ili neniam volis trinki, kaj ne pro manko da vinberoj. Nenia lando havas pli bongustaj, sed al ilia sufiĉas ilia manĝado kaj tiu de aliaj fruktoj, kaj ili timas la vinon kiel la malvirtigilon de la homoj. Ili diras: «ĝi estas speco de veneno, kiu furiozigas, ne mortigas la homon, sed bestigas ĝin. La homoj povas konservi sian sanon kaj forton sen vino; kun ĝi, ili riskas ruinigi sian sanon kaj perdi siajn bonajn kutimojn.»

Telemako diris tuje: Mi ankaŭ volus scii kiaj leĝoj regulas la geedziĝojn en tiu nacio. Ĉiu viro—respondis Adoam—nur povas havi unu virinon, kaj estas necese ke li gardu ŝin dum vive. La honoro de la viroj en tiu lando tiel dependas de l' fideleco al la adzinoj, kiel en aliaj landoj la honoro de la virinoj dependas de l' fideleco al ŝiaj edzoj. Nenia popolo estis iam tiel honesta nek tiel ĵaluza pri sia pureco. Virinoj estas tie belaj kaj agrablaj, sed naivaj, modestaj kaj laboremaj. La geedzoj estas pacemaj, fruktodonaj senmakulaj. Ŝajnas ke edzo kaj edzino estas nur unu homo kun du malsamaj korpoj; ambaŭ partoprenas la domajn laborojn; edzo direktas eksterfamiliajn aferojn; edzino sin enfermas en sia hejmo; ŝajnas ke ŝi estas farita nur por lin komplezi; atingas lian konfidon kaj ĉarmigas lin pli per sia virto ol per sia beleco. Tiu ĉarmo daŭras tiom kiom la vivo.

Sobreco, modereco kaj pureco de kutimoj donas al tiu popolo longan vivon, libera pri malsanoj. Oni vidas maljunulojn cent aŭ centdudekjarajn, kiuj ankoraŭ havas gajecon kaj forton.

Telemako aldonis: Restas al mi scii kiel ili agas por eviti militon kun najbaraj popoloj.

La naturo—respondis Adoam—apartigis ilin de la aliaj popoloj, unuflanke per la maro, norden per altaj montoj. Cetere, najbaroj respektas ilin pro ilia virto. Ofte aliaj nacioj, kiam ili ne povas interakordiĝi, nomas ilin juĝistoj por siaj konfliktoj, kaj al ili fidis terojn kaj arbojn pridiskutatajn. Ĉar tiu nacio neniam perfortis iun, neniu malfidas ĝin. Ili ridetas kiam oni parolas al ili pri reĝoj kiuj ne povas interkonsenti pri la limoj de siaj ŝtatoj. «Ĉu tio estas timebla—ili diras— ke tero manku por la homoj? Ĉiam estos pli da tero ol tiu kiun ili povos kulturi. Dum estas liberaj nekulturitaj teroj ni ne volas eĉ de-

fendi la niajn kontraŭ najbaroj venantaj por almiliti ilin.» Oni trovas en la tuta loĝantaro de Betiko nek malhumilecon nek malbonfidon nek deziron pligrandigi ĝian teritorion. Tiel la najbaroj neniam timas ĝin, nek ĝi povas esperi timigi la najbarojn, tial ke ĝi lasas ilin trankvilaj. Tiu popolo forlasas la landon aŭ mortigus sin mem antaŭ ol akcepti la sklavecon; do, ĝi estas tiel malfacila por submetiĝi, ol ne kapabla por submetigi aliajn. Jen kio kaŭzas longedaŭran pacon inter ĝi kaj ĝiaj najbaroj.

Adoam finis sian paroladon rakontante kiel la fenicoj komercis en Betiko. Tiuj poloj—li diris—miregis kiam ili vidis sur la ondoj de la maro fremdulojn kiuj venis de tiel longe, ili lasis nin starigi urbon sur la insulo Gades (1), eĉ ricevis nin bonece kaj donis al ni ion el ĉio kion ili havis, ne akceptante ian pagon. Plie, ili promesis doni al ni malavare la tutan lanon kiu malmankus al ili post kiam ili estus farinta sian provizon. Efektive, ili sendis al ni grandan kvanton da ĝi. Doni al fremdulo ĉion kio al ili malmankas, estas por ili plezuro.

Ili forlasis al ni sen bedaŭro siajn minojn, kiuj estis neutilaj por ili. Ŝajnas al ili ke la homoj ne estas saĝaj, kiam ili serĉas tiel klopode en la internaĵoj de la tero tion kio ne povas feliĉigi ilin nek plenumi al ili ian veran bezonon. Ili nin diris: «Ne enfosu tiel profunde la teron, kontentiĝu per ĝia kulturo kaj ĝi donos al vi fruktojn, kiuj vin nutros, vi eltiros el ĝi bienojn valorantajn pli ol la oro kaj la arĝento, tial ke la homoj nur deziras oron kaj arĝenton por aĉeti nutraĵojn kaj subteni sian vivon.»

Ni volis ofte lertigi al ili pri la marveturarto kaj kunporti tiulandajn junulojn al Fenicujo, sed ili neniam konsentis ke siaj filoj lernu vivi kiel ni. Ili diris: Ili lernus bezoni ĉiujn aĵojn, kiuj estas al vi tiel necesaj; ili volus ilin akiri, forlasus virton por havigi ilin al si per malbonaj rimedoj. Ili iĝos kiel homo havanta bonajn krurojn, kiu perdis la kutimon marŝi kaj alkutimiĝas fine esti ĉiam portata kiel malsanulo. Ili miras navigacion pro la genio de tiu arto, sed kredas ke ĝi estas malutila. Ili diras: «Se tiuj gentoj havas en sia lando sufiĉon por vivi, kion ili iras serĉi alilande? Ĉu ne sufiĉas al ili tio kio sufiĉas al ilia naturo? Ili meritas ŝipperei ĉar ili serĉas la morton meze de vento-pluvoj por kontentigi la avarecon de l' komercistoj kaj flati la pasiojn de aliaj homoj.»

Telemako ravis aŭuskultante tiujn paroladojn de Adoam, kaj ĝojis scii ke estas en la mondo popolo, kiu obeante la naturan leĝon, estu tiel saĝa, kaj samtempe tiel feliĉa. Ho!—li ekkriis—kiel malprok-

---

(1) Hodiaŭ Kadiz'o.

sime estas tiuj kutimoj de la vantaj kaj ambiciaj de l' popoloj kiuj sin juĝas plejsaĝaj. Ni estas tiel malbonigitaj, ke apenaŭ ni povas kredi, ke tia naiveco tiel natura povas esti vera. Ni rigardas la kutimojn de tiu papolo kiel bela fablo, kaj ĝi sendube rigardas niajn kiel monstra inkubo.

(*El hispana traduko esperantigis*: F. R.)

* * *

## LA LETERO
### (NOVELO)

Tiun vesperon, la interparolado temis pri la poŝtservado. Kelkaj amikoj mallaŭdis la oficistoj; aliaj ilin defendis, aldirante ilian malgrandan salajron kaj ilian pezan laboron. Miquel, loĝinte en fremdlando, certigis ke la tiea poŝtservo estas pli malperfekta ol la nia. Heleno rememorigis la malnovan proverbon: «Nur perdiĝas tra vojo tiuj leteroj, kiuj devas perdiĝi.»

—Eĉ tio estas malprava, interrompis Dolores, estas kelkaj kiuj devas perdiĝi kaj alvenas al sia adresloko.

—Neniu devas perdiĝi: novaĵoj, ĉu agrablaj, ĉu malagrablaj, interesas, kaj se, okaze, maljuna aŭ malsana aŭ malforta homo devas ignori, certe la familianoj trovos rimedon por kaŝi al li la veron.

—Ne ĉiam, rediris Dolores, kaj mi mem posedas certajn pruvojn: okazis al mi antaŭ kelkaj jaroj, aventuro drama, vulgara kaj simpla por multaj homoj, sed kiu kortuŝis min, tiel certe ĝi konvinkis al mi ke foje tio, kio ŝajnas utila, estas malprofita...; sed tio estas preskaŭ historio.

—Rakontu, rakontu, ni diris multaj ĉeestantoj, ni eksentis scivolemon koni tion.

—Ĝi estas iomete malgaja; sed, se vi tion deziras... Kaj sin adresante al ni, ŝi komencis rakonti per ŝia voĉo klara kaj vibra:

...Tion, kion mi intencas rakonti, okazis antaŭ kelkaj jaroj; sed tiel forte impresiĝis en mia menso, ke mi rememoras eĉ plej malgravajn detalojn de tiu memorinda ekskurso. Mi estis dekkvinjara, mi ĵus finigis sukceksplene la unuan studkurson; kaj mia farto estis iom malkontentiga; miaj gepatroj decidis min sendi pasigi tiun someran libertemporo en malgranda vilaĝeto de nia montaro, kie loĝis malproksimaj geparencoj niaj. Mi forveturis do, kun mia fratino Isabel, kaj tie ni trovis kelkajn amikinojn, kiuj ankaŭ somerrestadis; ĉiuj junaj kaj bonhumoraj. Ni pasigis ravplezurajn monatojn; la tempo glitis rapide kaj niaj familioj skribis al ni pri hejmenreveno.

Unu el la lastaj septembraj tagoj, ni ĵus ellitiĝis, kiam eniris Justina, unu el niaj amikinoj, kaj diris:

—Ĉu vi estas kapablaj piediri dek mejlojn?

—Certe jes, ni respondis samtempe.

—Do, pretiĝu. Hodiaŭ estas la «festoj» ĉe Errotaberri (1) kaj se vi volas, ni iros tien.

Ni ekiris. Estis belega tago: unu el tiaj tagoj dum kiaj, se velkintaj folioj kaj sekaj herbejoj ne avertos al ni, ni kredus esti en printempo. Aŭtuno kaj printempo similas unu la alian, kiel matena kaj vespera krepuskoj: sama lumo, simila aspekto de la objektoj; sed ĉe la aŭtuno kaj ĉe la vesperiĝo estas profunda kaj neestingebla melankolio, malgajeco empenetrita en ĉiu arbo kaj en ĉiu floro, melankolio de estinteco: Printempo estas espero; aŭtuno, elreviĝo.

Ni vojiradis iomete kortuŝitaj: la kampara malgajeco empenetris niajn sentojn, ni memoris la belajn posttagmezojn ĝuitajn sub la fagarbaro, la ekskursojn en la proksimajn montpintojn; la pilgrimojn al unu kaj al alia kapelo, kaj ni rememorigis ĝue la du monatojn pasitajn ĉe la plensunlumo, ĉe plenliberaero, meze de la herbejo kaj de la erikejo, gajaj kiel alaŭdoj, malpezaj kiel damcervoj kaj liberaj kiel vento; kaj ni pensadis ĉagrene ke tio ĉi finiĝos, ke ni baldaŭ estos submetitaj al niaj devoj, ĉu gravaj, ĉu malgravaj, sed precipe al la tro regulitaj moroj de la mallibera urba vivado.

Ni ĉiuj silentadis, neniu interkomunikis siajn ideojn, sed eble ĉiuj havis saman penson.

Subite Justina, kiu estis la plej frivola kaj gaja ekdiris:

—Oni dirus ke ni iras al enterigo ia, anstataŭ iri al la festoj de Errotaberri!

Ĉiuj ekridegis, kvamkam la parolo ne estis certe genia. Respondis Isabel, rediris Elena kaj la konversacio devenis ĝenerala.

—Ĉu vi memoras kiam ni vadis en la rivero? Kaj tiun tagon kiam ni rekoltis pomojn en tiu monto?

—Ĉu vi memoras la fabelon pri la Basa Jaun (2), rakontita de onklino Joŝefa? Kia propra loko por koboldoj!

Ektremo pasis tra ĉiuj ni. Meĥanike ni ĉirkaurigardis: Arbaro dekstre; arbaro maldekstre; la vojo malaperas meze de la arboj formantaj egan arkaĵon; kvankam ni estis en valo, ĉirkaŭata de altegaj montoj, ni ne vidis iliajn pintojn, nur ni vidis kelkajn ĉielpecojn bluajn, inter la malhela kverka foliaro.

Arbaro estas iel dia; kvankam ni, urbaninoj, estis malmulte emaj

---

(1) Nomo de la vilaĝo. Vasklingve ĝi signifas: muelejo nova.
(2) Basa-Jaun=Arbara Sinjoro, popola vaska fabela estaĵo.

al la legendkredo, momente ni pensis: Ĉu vere ekzistas Basa Jaun? Se la vilaĝfabeloj ne estus nur fabeloj... Se meze de tiuj grandegaj aroj da arboj, subite aperus la mistera estaĵo, per kies nomo la montaraj patrinoj silentigas siajn etajn ribelulojn?...

Mi ekaŭdis bruon malproksime, ĝi estis mallaŭta bruo, daŭra, unutona. Ĉu ĝi reale ekzistis aŭ ĝi estis nur frukto de nia fantazio, troekscitita pro la rememorigo de malnovaj fabeloj?

Mi direktis rigardon al miaj amikinoj, por certiĝi ke ili ne sentas tiun misteran bruon, kaj mi timiĝis vidante, pentrita sur iliaj vizaĝoj la plej profundan teruron. La bruo, dume proksimiĝis.

—Tiu bruo... Mi time riskis.

—Tiu bruo... Respondis Justina, pli pala ol neĝo.

(*Finota*).

# ENLANDA KRONIKO

*Zaragoza.*—S-ro. Carnicer el «Zaragoza Esperantista» faris paroladon pri Esperanto en la Agrupación Cultural kun granda sukceso. S-roj Luis Martínez, Alfonso Pérez kaj José Carnicer ekklarigis kursojn kaj baldaŭ ekfunkcios alia por virinoj, sub gvidado de tiu grupo, kiu celas plej konvenan loĝejon, kaj tuj tribunalo juĝos la esperantan kapablecon de multaj el ĝiaj grupanoj.

*Gijón.*—Astura Esperanto Asocio vigle agadas, sukcese disvolvas sian esperantan kurson, entuziasme, fervore kunvenigas la tutan membraron kaj decidas esperantajn aferojn; laste ĝi voĉdonis favore la Regularon de H. E. A. aperintan sur nia oficiala organo.

*Bilbao.*—Jus la ĉi tiea grupo inaŭguris sian novan loĝejon ĉe la strato Iturribide, 6 - kie disvolviĝadas kurso ĉeestata de multenombra lernantaro. En la nova loĝejo okazis granda propaganda parolado pri Esperanto, kaj la grupo celas solenigi kiel eble plej grandioze la 25an datrevenon de sia fondo. La entuziasmo estas granda.

*Palma de Mallorca.*—S-ro. Ferdinando Redondo klarigas esperantan kurson kaj celas restarigi la esperanto-movadon ĉi tie, kaj tion ankaŭ li celas per oftaj artikoletoj sur la lokaj ĵurnaloj; esperinde estas, ke la esperantistoj de Palma de Mallorca renaskiĝu entuziasme al nia afero.

*Cheste.*—Patrocinado por su Ayuntamiento, se celebró brillantemente el 18 del pasado octubre el descubrimiento de una lápida conmemorativa en honor del Dr. Zamenhof, en la calle que lleva su nombre. Presidió el acto, en representación del Cabildo, el primer Teniente de Alcalde y entusiasta esperantista don Rafael Vidal,

quien, en brillantes palabras, expuso ante la muchedumbre congregada el objeto de la fiesta. Los samideanos Sres. Máñez, Caplliure, Piñó, Guillén y Quiles, hicieron en levantadas frases la apología del Maestro y de su imperecedera obra, dándose por terminado el acto dentro del mayor entusiasmo por la idea zamenhofana.

## AMUZAJOJ

### CIFEROJ KAJ LA HISPANA RESPUBLIKO

Krom la kuriozaĵo publikigita en la septembra numero de HISPANA ESPERANTO-GAZETO pri la dato de la starigo de la Respubliko, oni povas citi la jenajn:

Se oni sumas la numerojn 14 (tago) + 4 (monato aprilo) + 31 (jaro) ni ricevos la numeron 49 = 7 × 7.

Respubliko estis proklamata mardon (*tria* tago de la semajno) *dekkvaran* de aprilo; tiu estis la unua mardo; la *dekkvara* mardo estis la 14an (14 = 7 + 7) de julio (7ª monato) kaj tiam okazis la solenan malfermon de la parlamento.

Post *sep* monatoj de provizora registaro, tio estas, la venonta novembro, estos eble aprobata la Konstitucion kaj starigata la definitiva registaro.

Por ni, esperantistoj, la 14an aprilo estas neforgesebla dato. La 14an aprilo de 1917 (14 + 4 + 17 = 35 = 5 × 7) mortis nia majstro, kaj 14 jaroj poste okazis ĝojiga politika fakto.

FERNANDO REDONDO

* * *

### DIALOGO

—Ĉu 2 venas el 1 - 2 - 3?

—Ne, sinjoro, 2 venas el 1 - 3, kie li komercas po grande en 2 - 3 kaj silko.

(*Anstataŭu la numerojn per silaboj por trovi la konvenan sencon de la interparolo*).

SOLVO al la enigmo de la antaŭa numero:

A
OR NA MU
ANA TO MIO
MU MI O
O